

24a Jaro - No 4 (254) Jara Kotiz-Abono Fr. 35,— Aprilo 1938a

# BELGA ★ ESPERANTISTO

Monata Revuo fondita en 1908a

DIREKTORO:
Maur. JAUMOTTE
44, Avenuo De Bruyn
Wilryck-Antverpeno

Oficiala Organo de
Reĝa Belga Ligo Esperantista

Societo sen profita celo. --- Belga Ŝtatgazeto 27.6.36

GRAVA KLOPODO.

## La Enkonduko de Esperanto en la Lernejojn

Grava problemo, kaj kiu okupis ĉiujn postmilitajn gvidantojn de nia movado, estas la enkonduko de Esperanto en la lernejojn.

Ni povos organizi tiom da kursoj, kiom ni volos; ni povos fari propagandon ĉie, kie estas okazo: ĝis kiam nia lingvo ne estos trovinta sian vojon en la lernejojn, kie la infanoj lernos ĝin, kiel kromlingvon apud sia gepatra lingvo, nia movado ĉiam kvazaŭ stagnos.

Plenkreskuloj, kiuj venas al ni, tre ofte jam ne plu havas en si tiun lernoforton, por ĝisfunde studi nian lingvon, kiom ajn facila ĝi estas. Tion spertas ja ĉiuj profesoroj kaj ĉiuj grupgvidantoj.

Multaj venas al ni; multaj eĉ persistas sekvi kurson ĝisfine; multaj do ja konas elemente nian lingvon; sed tiu kono estas tia ke, ĉe ne tuja kaj daŭra praktikado, ĝi rapide forflugas.

Cetere plenkreskuloj havas ofte multajn okupojn, ĉu profesiajn, ĉu amatorajn, al kiuj ili jam devas dediĉi sian tempon, kaj oni devas kompreni, ke inter multaj, kiujn ni instruis, nur malmultaj restas sur niaj unuaj linioj, tiuj de la batalo al la plua disvastigo de nia lingvo kaj de nia idealo de frateco kaj de homamo.

Tial la propagando, kiun ni povas iele fari ĉe infanoj estas, kompare, multe pli fruktodona.

Oni staras antaŭ spiritoj, ĵus freŝe malfermiĝintaj al la plej gravaj malfacilaĵoj de la modernaj lingvoj kaj kiuj tial estas tute preparitaj por, sen ia grava penado, preni en si la konon de nia lingvo.

Krome, la lerneja atmosfero, kun sia komparemo, kun sia konkuremo, sia persona fiereco pri kono de kio ajn nova, estas plej favora al la ĝisfunda ellernado de ĉio kaj precipe de lingvo fremda, kies facileco permesos baldaŭ al ĉiuj, ke ili, inter si, rilatu parole, kiel skribe, en la nova idiomo.

Tial la gvidantoj ĉiam havis sian atenton altiritan al la lernejoj; tial ili ĉiam penadis por enkonduki Esperanton en la lernejojn.

Kaj estas verŝajne, ĉar tiu deziro kuŝas en ĉies spirito, kiel la plej kara, la plej baldaŭe sukcesigota, ke ĝi tiel malfacile, tiel malrapide penefektiviĝas.

Kaj tial la iniciativo, kiun prenis nia Jubilea Kongreso sin turni al diversaj registaroj, ne kun rekta peto enkonduki Esperanton en la lernejojn, sed nur akceptigi de la parlamentoj, ke Esperanto estos enkondukata, la tagon, kiam almenaŭ ses regnoj estos subskribintaj la saman promeson, ŝajnis al ni tiel alloga.

La L.K.K. de Varsovio intertempe havigis al la diplomataj reprezentantoj de la diversaj landoj en Varsovio, dokumentaron pri la afero kaj ricevis de multaj registaroj afablan respondon.

La afableco estas tamen ĝenerala ĉe diplomatoj kaj registaraj personoj kaj tiu afableco ne multe helpas nin; ni preskaŭ volus aldoni: kontraŭe.

Sed nun komenciĝas la laboro de la landaj asocioj, kiuj nun, ĉiu en sia regno, devos prilabori ne la registarojn mem, sed la politikistoj, kiuj permesas al la registaroj vivi.

Kaj koncerne nian propran landon, ni nun devos memorigi la promeson, kiun faris al ni, kelkajn tagojn antaŭ la ĝeneralaj elektadoj de 1936, multaj deputitoj kaj senatanoj.

Tiuj politikistoj, kiuj ion ŝuldas al ni, ĉar ili promesis, tamen restas nur malplimulto, granda malplimulto en ambaŭ Ĉambroj.

Reĝa Belga Ligo Esperantista nur povas skribi al la aliaj; sed la membroj de Reĝa Belga Ligo Esperantista, kiuj estas flandroj kaj valonoj kaj kiuj apartenas al la plej diversaj nuancoj de la politika opiniaro, povas, individue, ĉu skribe, ĉu parole, peti la apogon de « sia » deputito aŭ senatano, ne por voĉdoni leĝproponon, kiu tuj, en tiu ĉi kriza periodo, kostos monon kaj malekvilibrigos la budĝeton, sed por ebligi la antaŭmeton, en la Ĉambroj, de leĝpropono, kiu promesos la enkondukon de Esperanto en la lernejojn, la tagon, kiam almenaŭ ses registaroj estos oficiale farintaj la saman promeson.

La Ligestraro komisiis la subskribinton fari unuajn paŝojn ĉe diversaj politikistoj, kies favoro al nia ideo estas konata, por ekzameni la eblecon, kunmeti simplan kaj facile akcepteblan tekston.

Per tiu ĉi li alvokas ĉiujn, kiuj povas, iele, helpi tiurilate, tion skribi al li, tiel ke ne dise estu liverata la batalo, sed kun kune streĉitaj fortoj, por ke ni, en baldaŭa estonteco, atingu tion, kio tiel longtempe estis, por ĉiuj, nur bela, sed fora idealo.

Maur. JAUMOTTE.

# Reĝa Belga Ligo Esperantista

## ORDINARA ĜENERALA JARKUNVENO

Ni havas la honoron inviti vin ĉeesti la ordinaran ĝeneralan jarkunsidon de nia societo, kiu okazos dimanĉon, la 3an de Aprilo 1938, je la 14a horo akurate, en salono de Hotelo Albert Ier, placo Rogier, en Bruselo (eniro 73, strato S-ta Lazaro, angulo de strato Gineste).

TAGORDO :

1. Raporto de la administrantaro.
2. Raporto de la komisaroj.
3. Aprobo de la kalkuloj 1937.
4. Fiksado de la nombro de administrantoj.
5. Elekto de la administrantoj.
6. Fiksado de la nombro de komisaroj.
7. Elekto de la komisaroj.
8. Fiksado de la kotizo.
9. Diversaĵoj.

Unu sekretario, F. SWINNE. La prezidanto D-ro P. KEMPENEERS

**Rimarko.** — Laŭ art. 7 de la statuto, ĉiu membro rajtas anstataŭigi sin de alia membro; li devas tion sciigi per de li subskribita letero, alveninta en la sidejo, 19, avenuo Montjoie, Uccle 3 (Ukkel 3), du tagojn antaŭ la kunveno.

Laŭ nombro de membroj, je la 31a de Decembro 1937, la grupoj prezentis laŭorde :

« Bruĝa Grupo »: 3 administrantoj: F-ino Y. Thooris, S-roj Decoster kaj Poupeye.

« Verda Stelo », Antverpeno: 3 administrantoj: S-roj Faes, Jaumotte kaj Wauters.

« Brusela Grupo»: 2 administrantoj: S-roj Kempeneers kaj Swinne.

« Genta Grupo »: 1 administranto: S-ro Van de Velde.

« Verda Stelo », La Louvière: 1 administranto: S-ro Tassin.

2 Administrantoj reprezentantaj la grupojn, kun malpli ol 20 membroj kaj la izolulojn : S-roj Cogen kaj Cafonnette.

3 administrantoj kooptaj: F-ino A. Jennen, Sinjoroj Robert kaj Van den Bossche.

Entute 15 administrantoj.

Tuj post la fino de la ĝenerala kunsido, la administrantoj kunsidos kaj pritraktos la sekvantan tagordon:

1. Elekto de la membroj de la direktanta komitato.
2. Nomado de membroj de la ĵuĝantaro.
3. Organizo de la estonta laboro.
4. Kongreso Charleroi 1938.
5. Belga Kongreso 1939.
6. Diversaĵoj.

## LA NOVA KONKURSO DE I. E. L.

La Internacia Konkurso de IEL por 1937 elvokis tiom da intereso, ke la Komitato dum la kunsidoj en Varsovio decidis aranĝi similan Internacian Konkurson ankaŭ por la jaro 1938, sed kun kelkaj ŝanĝoj. Por la nuna jaro, do, validas la jenaj reguloj :

1. Por ĉiu membro, aliĝinta al IEL, estas donitaj (resp. donotaj) poentoj laŭ jena tabelo:

| | |
|---|---|
| Asocia Membro . . . . . . | 1 |
| Membro kun Jarlibro . . . . | 5 |
| Membro-Abonanto . . . . . | 10 |
| Membro-Abonanto-Heroldo . . | 12 |
| Membro-Subtenanto . . . . | 15 |
| Dumviva Membro (nova) . . . | 50 |
| Patrono . . . . . . . . | 50 |
| Entrepreno . . . . . . . | 10 |

2. La elirbazo estas la stato je la fino de 1937, laŭ jena tabelo:

| | | | |
|---|---|---|---|
| Afriko . . . | 137 | Jugoslavujo . | 257 |
| Aŭstralio . . | 429 | Kanado . . | 74 |
| Aŭstrujo . . | 789 | Latvujo . . | 55 |
| Azio . . . | 1321 | Litovujo . . | 135 |
| Belgujo . . | 1722 | Nederlando . | 2837 |
| Britujo . . . | 6483 | Norvegujo . . | 792 |
| Bulgarujo . . | 92 | Novzelando . | 265 |
| Ĉeĥoslovakujo | 2449 | Polujo . . . | 318 |
| Danujo . . . | 1118 | Portugalujo . | 317 |
| Finnlando . . | 61 | Rumanujo . . | 50 |
| Francujo . . | 5907 | Sud-Ameriko . | 851 |
| Grekujo . . | 137 | Svedujo . . | 3024 |
| Hungarujo . | 619 | Svislando . . | 137 |
| Italujo . . . | 636 | Usono . . . | 1513 |

3. Al la aliĝinta Landa Asocio en la lando aŭ regiono, kiu montros la plej bonan progreson dum la jaro, kompare kun la supraj ciferoj, IEL donos premion de £ 10/- (200 svisaj frankoj) kaj artan diplomon. Se en tiu regiono estos pli ol unu aliĝinta Landa Asocio, la premio estos dividata inter ili.

Plue, al ĉiu Delegito en la koncerna regiono ni sendos libro-premion.

IEL rigardas al la estonteco kun plena fido kaj espero. Bone enfluas la membrokotizoj por la nova jaro, kaj jam en la unua semajno de januaro oni registris pli ol cent n o v a j n individuajn membrojn. La minimuma celo por 1938 estu 15,000 membroj, el kiuj almenaŭ 4,000 estu individuaj membroj. Per la bonvola helpo de ĉiuj delegitoj kaj membroj tiuj ciferoj certe estos facile atingeblaj.

**PETU ALIĜILON KAJ PLIAJN INFORMOJN PERE DE VIA GRUPO AŬ REKTE AL LA TERITORIA SEKRETARIO :**

**G. VAN DEN BOSSCHE**
**REMBRANDTSTRAAT, 7**
**A N T W E R P E N.**



## LA KORESPONDAJ KURSOJ

Kiel ni anoncis en la antaŭa numero de nia revuo, « Belga Esperanto-Instituto » finpretigis KORESPONDAN KURSON DE ESPERANTO, en flandra kaj franca lingvoj.

Tiuj ĉi kursoj estas kompletaj en kvin lecionoj, kiuj kompreneble estas iom ampleksaj kaj entenas taskojn farotajn de la lernantoj.

Tiu kurso kostas **Fr. 10,—**, kun tipa korektado de la taskoj.

Tiuj, kiuj deziras ke profesoro speciale prizorgu tiun korektadon por ili kaj faru personajn notojn pri ĝi, pagas **Fr. 25,—** anstataŭ Fr. 10.

La personoj, kiuj pagis jam kurson ricevis la UNUAN lecionon. La sekvanta estos sendata je la 15a de Aprilo. Ĉiun duonmonaton, plia leciono sekvos.

Sed ne sufiĉas ke Belga Esperanto-Instituto, je la demando de la propagandistaj organizaĵoj, pretigis tiun kurson, kaj metis monon en ĝian eldonadon.

La kurso nun devas esti vendata, tiel ke finance nia eldona organizaĵo retrovu sian monon, kiu ankaŭ estas nia ĉies mono, kaj ankaŭ ke niaj grupoj kaj nia Ligo akiru per ĝi, novajn fortojn en la plej disaj lokoj de nia Lando.

Al tiu efektivigo ĉiuj devas kaj facile povas helpi.

Se nun iu konsentas post interparolado, pri la intereso de nia lingvo, sed konstatas ke li ne havas okazon por ĉeesti kurson, petu de li tuj **Fr. 10,—** kaj sendu ilin al B.E.I. La persono interesata povos tiel lerni nian lingvon hejme kaj niaj diversaj instancoj sekvos lian pri-esperantan evoluon, ĝis

# XXVII-a Belga Kongreso de Esperanto

## Charleroi, 4a ĝis 6a de Junio

Président d'honneur : Mr. Joseph Tirou, bourgmestre de Charleroi.
Comité d'honneur : Mr. Jean Laurent, commissaire d'arrondissement ,
Mr. Georges Dryon, échevin de l'Instruction publique.

### ALVOKO

Kun tiu ĉi numero de « Belga Esperantisto » la L.K.K. havigas al niaj legantoj, aliĝilon por la Kongreso kiu okazos post iom pli ol du monatoj en nia bela kaj industria valona urbo Charleroi.

Niaj legantoj jam de longe scias ke tie okazos la XXVIIa Belga Esperanto-Kongreso kaj multaj jam sendis de antaŭ longa tempo sian aliĝon al tiu Kongreso.

Nun la L. K. K. deziras pliajn informojn. Ĝi nun devas senhalte labori por la praktika efektivigo de ĉiuj planoj, kiujn ĝi kunmetis dum la antaŭaj semajnoj.

Kaj por tion fari ĝi bezonas ne nur ekscii pri la nombro de tiuj, kiuj per pago de kotizo, deziras helpi ĝin finance, sed precipe pri la ekzakta nombro de tiuj, kiuj efektive povos ĉeesti la Kongreson, kaj de tiuj. kiuj partoprenos la diversajn aranĝojn.

Tial neniu diru: Oni ja scias, ke mi ĉeestos. Mi do resendos mian aliĝilon, post kelkaj semajnoj.

Kontraŭe, ĉiu konsideru ke estas lia devo respondi kiel eble plej baldaŭ.

Ĉiu bone pripensu, ke, se la partoprenontoj de temp' al tempo pensas pri tiuj tri tagoj gaje pasigotaj kune en Charleroi, estas en tiu urbo kelkaj kiuj ĉiutage ne nur pensas pri ili sed laboras super ilia organizado kaj kiuj senpacience atendas la informojn el la diversaj belgaj urboj.

Ĉiu, ne nur rapide respondu; sed zorge plenigu ĉiun linion de la aliĝilo, tiel ke la L.K.K. sen plia informopeto sciu ekzakte kion vi atendas de ĝi.

Kaj se la kongresontoj unuflanke rapide kaj zorge faras sian devon; kaj se aliflanke la L.K.K. faras ĉion eblan por agrabligi nian restadon en Charleroi, nia XXVIIa Belga Kongreso povas nur iĝi GRANDA SUKCESO.

Tia ĝi do iĝos!

### PROVIZORA PROGRAMO

**SABATON 4-an DE JUNIO.**

14.00 h. Malfermo de la akceptejo en « Passage de la Bourse ».
17.00 h. Laborkunsido de Reĝa Belga Ligo Esperantista.
20.00 h. Intima kaj interkonatiga vespero en la sama ejo. S-ro P. Blaise parolos pri Londono kun lumbildoj.

**DIMANĈON 5-an DE JUNIO.**

9.00 h. Ekster programo :
Katolika Di-servo en la preĝejo « Saint-Antoine » kun prediko en Esperanto.
Protestanta Di-servo — ejo indikota.
10.00 h. « Passage de la Bourse »: Kongresa kunsido. Ĝenerala kunveno de Reĝa Belga Ligo Esperantista.
11.00 h. Oficiala akcepto de la urbestraro. Vizito de la nova urbdomo. Fotografado.
Vizito al la monumento de la Militmortintoj. Flordemeto.
13.00 h. Komuna tagmanĝo ĉe la « Hôtel de l'Espérance ».
15.00 h. Ekskursoj : Vizito de la « Universitato de la Laboro », de la subteroj, fabrikejoj, muzeoj.
20.00 h. « Passage de la Bourse »: Festeno.
Poste: grandioza balo kun bonega orkestro. Specialaj dancnumeroj. Baleto de la dancistinoj de la Reĝa Bruĝa Grupo Esperantista. — Kantoj ktp.

**LUNDON 6-an DE JUNIO.**

Granda tuttaga ekskurso, pri kiu pliaj detaloj sekvos, sed kiu en grandaj linioj, kondukas :
de Charleroi al Couvin ;
de Couvin al Chimay; kun haltoj en Bruly, Cul-des-Sarts, Nimelette, La Trappe (kun vizito de la abatejo).
Chimay : Akcepto de la urbestraro ; komuna tagmanĝo (je fr. 15: antaŭtagmanĝoj; viando, terpomoj kaj legomoj; deserto; biero aŭ akvo; trinkmono enkalkulita). - Vizito de la Kastelo kaj promenado al la lagetoj de Virelles.
Reveno de Chimay al Charleroi.
Disiro.

---

kiam li estos plej bona soldato en niaj rangoj.

Aliflanke ĉiu el niaj membroj, se li ne deziras aĉeti mem la kurson, povas mendi unu aŭ plurajn ekzemplerojn de la unua leciono, je **Fr. 2,—**, tiel ke li havu ĉiam dokumenton pretan, kiam iu montras interesiĝon pri nia lingvo.

Ke do neniu forgesu kunhelpi al la utiligo de tiu nova propagandrimedo, kiu povas iĝi la plej taŭga, kiun ni iam havis je nia dispono.

*
* *

Se estas sufiĉa interesiĝo, Belga Esperanto-Instituto cetere estas preta, eldoni poste pli kompletan kurson, kiu permesus al lernintoj de la elementa koresponda kurso, aŭ eĉ de alia elementa kurso perfektiĝi.

**LISTO DE LA KONGRESANOJ:**

69. S-ro Castel Hector, Ganshoren.
70. S-ino Castel Lucy, Ganshoren.
71. S-ro Pierre Ernest, Etterbeek.
72. S-ino Pierre Ernest, Etterbeek.
73. F-ino Pierre Madeleine, Etterbeek.
74. F-ino Bottin, Ixelles.
75. S-ro Nyssens, Ixelles.
76. F-ino Nyssens, Ixelles.
77. S-ro Jules Alofs, Woluwe-St. Lambert.

Intertempe ankaŭ aliĝis:

S-ino Gabrielle Poupeye, Bruĝo.
S-ro Charles Decoster, Bruĝo.
F-ino Laurence Meeuwis, St. André.
F-ino Marguerite Huyghe, Bruĝo.

# BELGA KRONIKO

## GRUPA KALENDARO :

ANTVERPENO. — **Reĝa Esperanto-Grupo « La Verda Stelo ».** — Kunvenejoj « De Witte Leeuw », Frankrijklei, 4, Avenue de France, kaj: Lge Leemstraat, 127, Lge Rue d'Argile: ĉiusabate je 21a h. (Perfektiga kurso je la 20a h.)

La 2-an de Aprilo, en la «Esperanto-Domo», parolado de S-ro Swinne, sekretario de « Belga Ligo », pri « La libera Ekonomio ».

La 9-an de Aprilo, en « Witte Leeuw », Printempa vespero, kun la kunlaboro de diversaj gemembroj, kiuj deklamos kaj kantos.

La 16-an de Aprilo (antaŭvespero de Pasko), en « Witte Leeuw », intima kunesto.

La 23-an de Aprilo, en restoracio « Budapest » (antaŭa « Zenith »), Avenuo de Francujo, 50, monata komuna manĝo.

La 30-an de Aprilo, en « Witte Leeuw », parolado kun lumbildoj de F-ino Ant. Jennen, prezidantino de la Esperantista Brusela Grupo, pri « Krozado al Konstantinoplo kaj Varna (Bulgarujo) ».

BRUĜO. — **Bruĝa Grupo Esperantista, Reĝa Societo.** — Ĉiumarde, je la 20-a. — SIDEJO: « Gouden Hoorn-Cornet d'Or », placo Simon Stevin, tel. 314.59.

KUNVENEJO: « Salonego Brangwyn », ĉe S-ano Jéhansart, placo Simon Stevin, Tel. 318.23.

Kunvenoj dum Aprilo 1938, ĉiuj en la kunvenejo :

Mardon 5-an: a) Legado kaj klarigado de B.E. (Prez. S-ro Ch. Poupeye); b) Debato: «Por kaj kontraŭ ĉapeloj» (Prez. S-ro H. Van Roye).

Mardon 12-an: a) Dikto de kanto (Prez. F-ino Y. Thooris); b) « Konfeso » (Prez. «?»).

Mardon 19-an: a) 4-a leciono de kurso por progresantoj. Gvidado: S-ro Ch. Poupeye; b) Kantado. Gvidado: S-ino J. Groothaert aŭ F-ino A. Boereboom; ĉe la piano: S-inoj Poupeye aŭ Van Roye.

Mardon 26-an: a) 5-a leciono de kurso por progresantoj. Gvidado: S-ro H. Van Roye.

b) Kunveno de IEL (Internacia Esperanto-Ligo). Prezidos la Delegitino: F-ino Y. Thooris.

N.B. — La grupa BIBLIOTEKO estas malfermata ĉiumarde de la 19.30-a ĝis la 20-a, en la Sidejo, Bibliotekistoj: S-ro Karel Decoster kaj F-ino M. Vanden Berghe. Tie ankaŭ samtempe: vendado kaj mendado de esperantaĵoj: libroj, steloj, poŝtkartoj, skribpapero, ktp.

HELPA VENDEJO de esperantaĵoj ĉe F-ino M. HUYGHE, Potterierei, 1, quai de la Poterie. (Helpa Poŝtoficejo.) Tel.: 315,61.

BRUSELO. — **« Esperantista Brusela Grupo ».** — Kunvenejo: « Hotelo Albert I », Placo Rogier, 10, ĉiulunde:
De la 7a ĝis la 8a: Dancleciono.
De la 8a ĝis la 9a: Kurso.
De la 9a ĝis la 10a: Kunveno.

Lundon, la 4-an de Aprilo: S-ro van der Stempel parolos pri Terkulturo.

Dimanĉon, la 10-an: Ekskurso; foriro je la 14.30, rendevuo Place de la Vaillance, Anderlecht, apud la monumento. Tramoj: 22, 46, 56, 64, 76. Se malbona vetero, vizito de Muzeo Erasmus.

Lundon, la 11-an: S-ro Halet parolos pri la kompoŝtmaŝino, kun lumbildoj kaj filmo.

Lundon, la 18an: Ne okazos kunveno.

Lundon, la 25-an: Parolata ĵurnalo. Gvidota de S-ino Plyson. Sekvos senpaga tombolo.

GENTO. — **« Genta Grupo Esperantista ».**

Lecionoj en la lernejo St. Pietersnieuwstraat, 45, ĉiumerkrede je la 7-a vespere.

## GRUPAJ RAPORTOJ.

**ANTVERPENO. — Reĝa Esperanto-Grupo « La Verda Stelo ».** — La 5-an de Marto, la gemembroj kunvenis en « Witte Leeuw » por de tie fari viziton al kelkaj salonoj kie oni dancas.

La 12-an, S-ro Jaumotte faris sukcesplenan paroladon pri « La Kasteloj de la Loire-regiono ». Li priparolis la historion kaj artajn belaĵojn de tiuj kasteloj. S-ro Faes dankis lin kore.

La 13-an multaj gemembroj de « La Verda Stelo » kunvenis en la enterigejo de « Schoonselhof », antaŭ la tombo de la bedaŭrata Prezidinto-fondinto Frans Schoofs.

S-ro Jaumotte, prezidanto, kiel ĉiujare klarigis la signifon de tiu intima ceremonio kaj rediris al S-ino Schoofs kaj al la filo Leono la sentojn de amikeco, kiujn ĉiuj membroj havas por ili.

Li tiam demetis nome de la grupo florgarbon kaj dum minuto salutstaris antaŭ la tombo, kiun la ĉeestintoj tiam abunde florumis.

La 19-an estis organizata parolata ĵurnalo al kiu kunlaboris S-ro Jaumotte, kiu elparolis la ĉefartikolon pri la Kongresoj de Charleroi kaj Londono, S-roj Vermuyten kaj Smits kaj F-inoj M. Jacobs kaj la fratinoj Dorekens.

La 26-an okaze de mezfasto, la gemembroj kune eliris por iom festadi.

Dum tiu ĉi monato la Komitato decidis pri kelkaj ŝanĝoj en la estrado de la Grupo. La estraro aspektas nun jene:

Prezidanto: S-ro Maur. Jaumotte.
Unua vicprezidanto: S-ro Aug. Faes.
Dua vicprezidanto: S-ro L. De Hondt.
Sekretarioj: S-roj G. Van den Bossche kaj H. Sielens.
Kasisto: S-ro O. Van Dijck.

La laŭleĝa sidejo estas en la Esperanto-domo; la sekretariejo en la magazeno de G-roj Faes kaj la kutima kunvenejo en « Witte Leeuw ». Tiuj tri adresoj restos indikataj kune.

**BRUĜO. — Bruĝa Grupo Esperantista, Reĝa Societo.** — La 22-an de Februaro, F-ino Andrée Algrain interese rakontis pri sia vojaĝo al Kanado.

La 26-an de Februaro, laŭ invito de la Frataro de la 3-a Lancista Regimento, ok gemembroj de la grupa dancsekcio sub gvidado de S-ro P. de Vooght, kunlaboris al la granda jarfesto de tiu « Frataro » en « Oud Brugge - Vieux Bruges ». Ili prezentis grandsukcese la faman « Lancistan Kvadrilon » en belegaj antaŭmilitaj kostumoj kaj ricevis de la Prezidanto de la Frataro honorigan pokalon kiel memoraĵo.

La 1-an de Marto, S-ro Ch. Poupeye gvidis la legadon de teatraĵeto ludota dum la intima festo de la 20-a de Marto; roloj estis disdonataj. Sekvis ankaŭ legado el « Ĉeĥoslovaka Radio-Bulteno ».

La 8-an de Marto, F-ino Thooris pliriĉigis la grupan kantrepertuaron per dikto de « La Tagiĝo » kaj klarigis poste ties tekston. La fino de la vespero pasiĝis en gaja interbabilado kaj tre agrabla portretludo.

La 15-an de Marto, post ripetada leciono pri la akuzativo, donita de S-ro Ch. Poupeye, okazis kantado sub gvidado de Ges-roj Poupeye.

La 20-an de Marto okazis intima festo kiu tamen plej bone sukcesis kaj pri kiu ni jam povas diri ke al ĝi kunlaboris F-ino Germaine Verplancke, la Bruĝaj banjo-ludantoj, sub gvid-



**S-ino H. Schoofs kaj Leono Schoofs, kun kelkajel la ĉeestintaj membroj, dum la parolado de S-ro Jaumotte.**

# Ni kuniĝu du !

VALONA POPOLKANTO DE NIA KONGRESURBO EN 1938

Jam estas for la suno de l' somero
Kaj sekvas ĝin la frost' kaj l' norda vent'.
Nun preskaŭ pasis la aŭtunvetero;
De l' vintrotemp' nin premas jam la sent'.
Ne sonas plu l' kantad' de la birdetoj;
Nun en l'arbar' aŭdiĝas bestoĝem'
Dum serĉas lup' en l' aŭtunfolietoj.
Ekskuas tute mi nur pro la frostotrem'.

REKANTAĴO.
Skuu l' fajron do, Zabelo;
Genu' ĉe genu',
Pro la frost', sur la skabelo
Ni kuniĝu du.

La tempo for nun estas, Izabelo,
De la kurad' en herbej' ĉe l' river';
Dum kuris ci, pli lerta ol gazelo,
Kapridosaltojn faris mi en ver'.
Post la kurad' mi kun amantfervoro
Ja dikan kison donis tuj al ci.
Sed l' amofajro restis en la koro
Kaj l'florojn de l' printemp' revidos ambaŭ ni.

REKANTAĴO.

Memoru ci pri la hejmoveturo
Post pilgrimad', neforgesebla scen';
Perditaj du en de l' somer' naturo
Ni restis en l' arbar' ĝis la maten'.
Kaj kia nokt'! Memoru do, Zabelo,
Ni sentis eĉ ne l' roson freŝan plej
En verda herb' sub bela la ĉielo !
La frosto tenas nin nun apud la fajrej'.

REKANTAĴO.

La neĝofal' dum horoj ja ne ĉesis
Kaj etendiĝas blanka la mantel'.
Eĉ sian kanton mia fring' forgesis,
Nur diras ĉip ĝi en la kaĝ', Zabel'.
Mi volus ke en ĉiu loĝejeto
La homoj ĝojus pro la fajrovarm',
Ke ĉiuj ja ĉe bieroglaseto
Nuntempe ĝojus pro kortuŝa kantoĉarm'.

REKANTAĴO.

Kanto de la karloreĝa popolkantisto JACQUES BERTRAND. Permesita esperanta traduko de Jules Alofs. Muziko kun valona originala teksto, kun aŭ sen akompano, havebla ĉe PASQUE kaj CHRISTIAENS, 5 Passage de la Bourse, Charleroi.

---

ado de S-ro Raymond Pardon; S-ro Urbain Verplancke, F-ino Monique de Vooght kaj C. Volckaert, F-ino Madeleine Kernas, en apartaj numeroj, kaj S-ro Gustave Dotselaere, F-inoj Obeline De Jaegher, Erna Grouve, Hilda Maurus, Marguerite Huyghe, Corry Leibbrand kaj S-ro Charles Poupeye, kiuj zorgis pri plej sukcesplena reprezentado de « Antaŭ la Balo kaj Poste » de Louise Briggs.

Ankaŭ okazis disdono de atestoj pri lernado kaj vigla dancado, dum kiu S-ro P. de Vooght gvidis « Lancista'n Kvadrilo'n ».

**BRUSELO. — Esperantista Brusela Grupo. —** Dum la kunsido de la 7-a de Februaro, S-ro Kempeneers, honora prezidanto, prezentis la gekomitatanojn por la nuna jaro:
Prezidantino: F-ino A. Jennen.
Vic-prezidanto: S-ro Van der Hecht.
Kasistino: S-ino J. Plyson.
Helpkasistino kaj kursgvidantino: F-ino Obozinski.
Bibliotekistino kaj direktorino de la teatra sekcio: S-ino F. Staes.
Butikistino kaj organizantino de ekskursoj: F-ino M. Kestens.
Sekretario: S-ro J. Derks.
Konsilantoj: S-ino E. Staes; S-ro D-ro Maes-Dubois; S-ro E. Pierre; S-ro D. van der Stempel.
Helpantinoj: F-inoj M. Pierre, kaj D. Derks.

La 14-an de Februaro okazis sukcesplena interesa festo en nia kunvenejo. Parolis F-ino Jennen kaj S-ro Buenting. Kunlaboris al la festo: F-ino Pierre, S-roj Halet, Hobus, Pierre kaj van der Stempel. Diversaj filmoj estis projekciataj de S-ro Kempeneers. Ĉiuj kunhelpantoj havis grandan sukceson. Multa kantado - Regis ĝojo kaj bonhumoro.

La 21-an de Februaro S-ro Castel parolis pri la bonhumora verkisto Raymond Swartz el kies verkoj li legis kelkajn partojn, kiuj amuzis la ĉeestantaron.

La 28-an de Februaro: nederlanda samideano S-ro Ravenstein vizitis la grupon kaj projekciis filmojn pri Vieno, Volendam kaj Hago antaŭ plenplena salono. Jam de la komenco regis entuziasmo. Pro la beleco de la filmoj S-ro Ravenstein estis varme aplaŭdita de la tuta ĉeestantaro.

---

## FAMILIA KRONIKO

### NEKROLOGO

**S-ino Maria De Ketelaere-Wouters**

Dum Belga Ligo Esperantista estis en la lastaj jaroj trafita per la sinsekvantaj mortoj de sia honora prezidanto, prezidanto pro honoro, prezidanto kaj sekretario, nia Antverpena grupo estis trafita plej kruele en siaj plej vivoplenaj fortoj.

La 20-an de Marto la kruela morto denove falĉis en ĝiaj rangoj.

Post operacio, kies evoluo permesis plej bonan esperon, S-ino Maria De Ketelaere-Wouters, edzino de S-ro Morris De Ketelaere, administranto de « Belga Esperanto-Instituto », eks-ĉefdelegito de UEA kaj vicprezidinto kaj administrinto de la grupo, mortis, postlasante kvar infanojn Hendrika, Paula, Rudolf kaj Johanna, kiuj estas de 9- ĝis 2-jaraj.

La tuta Belga esperantistaro plej funde kunsentis la doloron de nia amiko kaj de liaj infanoj.

En « La Verda Stelo », kies kunvenon ŝi lastfoje ĉeestis, ĉe la vizito de S-ro Baghy, kiam ŝi ricevis el la manoj de la prezidanto la bronzan medalon de 10-jara membreco, tiu kunsento estis komprenebla plej profunda.

Ni aldonas la esprimon de niaj plej sinceraj kondolencoj, al tiuj, kiuj jam estis multnombre ensenditaj okaze de la enteriga ceremonio, kiun ĉeestis i.a. S-ro Jaumotte, vicprezidanto de nia Ligo kaj prezidanto de la loka sekcio kaj Sinjorino; S-roj A. Faes, vicprezidanto, Van den Bossche, sekretario, Vermandere, Vermuyten kaj S-inoj H. Schoofs kaj Faes, gekomitatanoj; S-inoj De Hondt, vicprezidant-edzino kaj Vermuyten komitatan-edzino, F-ino J. Morrens, komisarino de B.E.I., kaj multaj gemembroj de « La Verda Stelo », dum D-ro Maes-Dubois, reprezentis la Bruselan sekcion kaj la fratajn grupojn.

### GRATULOJ

— Al Ges-roj Jean ROMBAUTS, de la Bruĝa Grupo, pro naskiĝo de fileto: René. (28-2-'38)

ANTAŬ NIA TRIDEKA.

# Pliaj Sukcesoj en Londono

**Esperanto en Londonaj restoracioj. — Nia lingvo kaj grava internacia asocio.**

Pasintan monaton, oni povis legi pri sukceso por nia lingvo en Londono : temis pri la Cseh-metodaj kursoj kiujn aranĝis por siaj geoficistoj la grandmagazeno Selfridge, prepare al la Universala Kongreso en aŭgusto.

Nun sekvas pliaj sukcesoj, kiuj estos eĉ pli utilaj al la kongresanoj dum ilia restado en la ĉefurbo.

En Londono la plej multaj popolaj restoracioj apartenas al tri kompanioj : « Lyons », « Express », kaj « A.B.C. ». El tiuj tri organizaĵoj la firmo Lyons ĉiel estas la plej ampleksa, kaj en la tuta urbego, precipe en la centraj partoj, oni neniam trovas sin multajn metrojn for de oportuna « Lyons » (prononcu « Lajonz »). En tiaj restoracioj, kiuj ĉiuj funkcias laŭ la sama sistemo, oni sidas komforte en pura kaj hela ĉirkaŭaĵo kaj mendas ĉiajn manĝaĵojn laŭ fiksita menuo kiu klare montras la precizan koston de ĉiu ero. (Parenteze, trinkmono ne estas postulata, kvankam oni foje donas tion.)

*Dum la kongres-semajno oni trovos en ĉiu « Lyons » en la centra regiono de Londono menuojn en Esperanto.*

Tute ne necesas substreki, kiel utila al la alilandaj kongresanoj estos tiu aranĝo. Ĉiu scias, ke unu el la plej malfacilaj aferoj dum vizito al fremda lando, eĉ kiam oni scias iom de la lingvo, estas la mendado de manĝaĵoj en restoracio! *En Londono, do, tiu malfacilaĵo ne ekzistos.*

Sed tio ne estas ĉio. La firmo Lyons posedas ankaŭ kelkajn pli grandajn kaj grandiozajn restoraciojn, kie oni manĝas en efektiva lukso je prezoj *nur iomete* pli altaj, kaj kelkrilate pli malaltaj, ol en la ordinaraj restoracioj.

Feliĉe unu el tiaj restoracioj troviĝas proksime de la kongresejo — kontraŭ la « Dominion Theatre », kaj tuj post la oficiala inaŭguro de la kongreso okazos tie komuna tagmanĝo por *mil kongresanoj*. Plue, dum la tuta semajno, la kongresanoj certe amase frekventos tiun ĉi restoracion.

Jen, do, la dua sukceso: la firmo Lyons ĵus aranĝis *Cseh-metodan kurson por pluraj el la gekelneroj en tiu ĉi restoracio*. F-ino Saxl gvidas la kurson, kiu okazas dum deĵoraj horoj en la restoracio mem.

Espereble la kongresanoj povos konsenti kun iu vizitanta samideanino nun en Londono, kiu diris ke ŝajne la Londona Kongreso estos la plej *Esperanteca* el ĉiuj el niaj universalaj kongresoj.

—o—

La *International Friendship League* (Internacia Ligo de Amikeco) fondiĝis en Anglujo en la jaro 1931 kun la celo krei amikecon inter la gejunularo de diversaj landoj ĉefe per la organizado de internaciaj libertempaj hejmoj. Kvankam la Ligo estas plej forta en Britujo, kie ĝi havas 8000 membrojn, ĝi nun havas ankaŭ naciajn sekciojn en multaj aliaj landoj, kun entute proksimume 3.500 membroj.

Dank' al la fervora laborado de kelkaj samideanoj en Britujo, la Ligo oficiale estas tute amikema al nia lingvo, kaj lastatempe ĝia intereso tiurilate multe pligrandiĝis. En 1935, ekzemple, en la britaj sekcioj de la Ligo okazis unu kurso kun 15 membroj, kaj en 1937: 12 kursoj kun 133 membroj, fakto kiu rikoltis aproban mencion en la lasta jara raporto. Oni scias, ke multaj Liganoj studas Esperanton ankaŭ ekster oficialaj kursoj.

La internacian agadon de la Ligo kontrolas t.n. « Ĝenerala Komitato ». Tiu ĉi komitato okazigis kunvenon de siaj membroj en Bruselo lastan oktobron, kaj estas aparte interese al ni, ke laŭ posta raporto en la oficiala gazeto de la Ligo *la KUTIMA LINGVA MALFACILAĴO APERIS*, tiel ke oni devis uzi la francan lingvon, kun la angla nur kiel traduklingvo !

Meze de februaro okazis proksime al Londono la jarkunveno de la Ligo, kiun ĉeestis 160 delegitoj el pli ol 50 filioj. Nia Londona samideano F.C. Midas, kiu en Anglujo plej laboras por enkonduki Esperanton en ĉi tiun organizaĵon, proponis la jenan rezolucion: Ke tiu ĉi konferenco rekomendu al la anoj de la Ĝenerala Komitato ke ili scipovu sufiĉe da Esperanto por fari sian laboron, kaj ke la dokumentoj de la Ĝenerala Komitato aperu ankaŭ en tiu lingvo. La proponon subtenis s-ro D. E. Hughes, neesperantista prezidanto de Sud-Londona Filio. Tuj s-ro Noel Ede (fondinto de la Ligo) proponis jenan amendon: *ke tiu ĉi konferenco invitu la diversajn naciajn sekciojn, pristudi. la demandon de Esperanto kiel la lingvo uzota en internaciaj kunvenoj de la Ligo.*

Tiu lasta propono estis akceptata kun nur 7 kontraŭvoĉoj !

Ĉi tiu promesplena rezulto el la laboro de s-ro Midas kaj aliaj havas jenan signifon: Post ok monatoj okazos kunsido de la nomita Ĝenerala Komitato, sur kies tagordo devus esti la supra rezolucio. *Antaŭ tiu kunveno ni devos konvinki la diversajn reprezentantojn kaj naciajn filiojn pri la nepra indo de nia lingvo.*

Samideanoj en Aŭstrujo, Belgujo, Danujo, Ĉeĥoslovakujo, Francujo, Nederlando, Svedujo kaj Svisujo — elserĉu la vialandajn naciajn societon kaj komitatanojn de Internacia Ligo de Amikeco kaj certigu ke ili voĉdonu *POR* la supra rezolucio.

*E. W. Amos, ĉe IEL, Anglujo.*

(La adreso de la sekretariino de la « Ĝenerala Komitato » estas: S-ino M.A. Nyssens, 31, Avenue de la Chasse, Bruselo.)

(Aperis en « Heroldo de Esperanto »)




### OFICIALA INFORMILO N-ro 4.

**Adreso por leteroj.** — Sekretario, 30a Universala Kongreso de Esperanto, Heronsgate, Rickmansworth (Herts.), Anglujo.

**Kongresejo.** — University College, Universitato de Londono.

**Kotizoj,** £1-10-0. La edzo aŭ edzino de kongresano, kaj gejunuloj ne pli ol 20-jaraj, pagas po 15 ŝil. Estas oportune sendi kotizojn en registrita letero per britaj ŝtataj monbiletoj, haveblaj ĉe bankoj kaj monŝanĝejoj en multaj urboj. Se oni sendas pagojn per poŝtmandatoj, oni ĈIAM sendu samtempe informon pri la NOMO kaj ADRESO de la sendinto kaj la celo de la pago, ĉar la brita poŝtadministracio ne skribas mesaĝojn sur poŝtmandatoj. La poŝtĉekkonta sistemo ne ekzistas en Britujo. Ĉekoj kaj aliaj pagiloj estu pageblaj al Internacia Esperanto-Ligo.

**Loĝejoj kaj Ekskursoj.** — Kun la Marta numero de THE BRITISH ESPERANTIST ni sendis al ĉiu kongresano mendilon por loĝejoj kaj ekskursoj. Oni plenigu ĝin kaj sendu ĝin al la kongresa oficejo kiel eble plej frue, kun la koncerna pago. La komitato ne povas garantii ion al kongresano, kiu ne zorge plenumas la kondiĉojn.

**Donacoj.** — La Organiza Komitato volonte ricevos donacojn por helpi al la plena sukceso de la Kongreso. Donacoj jam ricevitaj £ 19. 6ŝ. 3p.

**Blindula Kaso.** — La Organiza Komitato volonte ricevos konacojn por ebligi, ke blinduloj partoprenu la Kongreson. Jam ricevita £ 21. 12ŝ. 8p.

**Presaĵoj.** — En la kongresejo kaj kongresaj kunvenoj oni rajtos disdoni cirkulerojn kaj ĉiajn aliajn presaĵojn nur post antaŭa aprobo de la kongresa komitato.

**Dokumentaro.** — La sama postulo rilatas al presaĵoj disdonotaj kun la oficialaj kongresdokumentoj; tio estas, ili devos ricevi la antaŭan aprobon de la komitato kaj devos alveni ĉe adreso indikota, plej malfrue du semajnojn antaŭ la kongreso.

**Fakaj Kunvenoj.** — Organizontoj bonvolu anonci frue siajn dezirojn. Ni presigos la kongreslibron en majo kaj sendos ĝin al la kongresanoj en junio.

**Rabatoj.** — La Ĉeĥoslovaka flugkompanio koncedos rabatitan prezon Kc 1211.25 por simpla bileto, Kc 2180.25 por reven-bileto Praha - London - Praha, se anoncos sin almenaŭ 10 vojaĝantoj, ĉe Esperanto-Asocio en Ĉeĥoslovaka Respubl., Truhlárská 16, Praha II.

AŬSTRUJO. — Kongresanoj montrante siajn kongreskartojn rajtas ricevi rabaton 33 ⅓ % en la unua kaj dua klasoj, kaj 25% en la tria klaso. Tiu rabato validos: por la iro inter la 26a julio-6a aŭgusto, por la reiro inter la 30a julio-14a aŭgusto.

BELGUJO. — Rabato 35%, valida inter 20a julio-20a aŭgusto.

FRANCUJO. — Rabato jam konsentita, sed detaloj mankas.

**Kongreskarto kaj Kongreslibro.** — Ni esperas sendi ilin al la kongresanoj en junio.

**Cseh-Kursoj.** — F-ino M. Saxl nun gvidas plurajn kursojn laŭ la Cseh-metodo en Londono kun granda sukceso. Entute estas 200 klasanoj. Precipe utilaj al kongresanoj estas la kursoj en la granda magazeno Selfridge, kie 32 personoj lernas Esperanton, kaj en la restoracio Lyons Oxford Corner House, kie 24 el la stabo lernas la lingvon. Estas notinde, ke la kursoj okazas kun la plena subteno de la nomitaj firmoj, kaj dum la ordinaraj deĵor-horoj.

**Membraro.** — Ĝis la hodiaŭa dato (16-3-1938) aliĝis al la kongreso 1022 el 25 landoj.

Por la Organiza Komitato,
Cecil C. GOLDSMITH,
Sekretario.

## Bibliografio

**LA SUNKRONO (de MARIE KOENEN) tradukita el la nederlanda orginalo: « Fabeloj kaj Legendoj », de P.Ch.M. Van de Vijver. Volumo 100-paĝa, eldonis: eldonejo « Malnova Turo », Eindhoven, Nederlando.**

La jena verko certe meritis sian lokon en nia trezoro de tradukitaj verkoj!

La aŭtorino, Marie Koenen, kiu faris instruistinajn studojn sin tute dediĉis al la beletroj, precipe kiel novelistino kaj romanistino.

Kiel oni prave rimarkigas en la enkonduko de la esperanta traduko, la verkoj de Marie Koenen, precipe la historiaj, brilas pro stila forto, lingva simpleco, poeta sento.

La verko, kiu havas vere romanecan karakteron, estas tre bone tradukita en nian lingvon.

Kvankam multaj legantoj certe ne opinios kiel la aŭtorino pri feliĉo kaj malfeliĉo, ni varme rekomendas la aĉetadon de tiu libro.

**KRISTNASKA TRIPTIKO (de Felix Timmermans) libreto 48-paĝa, tradukita de Eugeen Paesmans; eldonita de Flandra Unuiĝo de Katolikaj Esperantistoj. Prezo: 6,— bfr.**

Multnombraj estas la esperantistoj kiuj bonege amuziĝis per la libro de la granda flandra verkisto Felix Timmermans « Pallieter ».

Estis do tre bona ideon de F.U.K.E. eldoni verketon de tiu sama aŭtoro sed kiu lumigas lin laŭ tuta alia maniero.

La libreto, kiu estas zorge eldonita kaj enhavas diversajn ilustraĵojn, certe trovos ĝeneralen plaĉon.

**FRAGMENTOJ, (de Bernardo Ojasono), libreto 80-paĝa. Prezo: 1,50 sv.fr. aŭ egalvaloro.**

Stranga verketo, kiu ne mencias nomon de eldonejo kaj nur enhavas la indikon ke ĝi presiĝis en Tallinn, en 1938.

La materialo, kiun ĝi enhavas, tamen estas tre interesa! Anstataŭ « Fragmentoj », la aŭtoro estus ankaŭ povinte elekti kiel titolon « Mozaikromano ». Temas ja pri speco de romano, kiu konsistas el diversaj «momentoj».

La lingvo estas bona, sed multaj novaj vortoj estas uzataj en ĝi. Ili tamen estas klarigitaj en la libro.

« Fragmentoj » estas verko, kiun oni povus rekomendi por konatigi novulojn kun nia lingvo; eĉ povus esti uzata en progresaj kursoj de Esperanto.





## POR KORESPONDEMULO

Václav Paulus, **Ceská Skalice,** Riegrova ul. ep. 355, Ceskoslovensko, nova esperantisto, serĉas kelkajn bonajn filatelistojn, kiuj deziras interŝanĝi poŝtmarkojn. Kontraŭ markoj de Belgujo, li donos markojn de lia respubliko, laŭ mankolisto Michel-katalogo 1938. Li kolektas kaj donos belajn kaj sendifektojn ekzemplerojn.

Milic Jelínek, **Ceská Skalice,** Riegrova ul. c. 355, Ceskoslovenko, faras similan oferton.

**ESTRARO DE „ BELGA LIGO ESPERANTISTA "**

**Prezidanto:** D-ro Paul Kempeneers, 19, Avenue Montjoie, Uccle. (Tel.: 44.53.00.)

**Vicprezidantino:** F-ino Yvonne Thooris, 4, Wijnzakstraat — Rue de l'Outre, Bruĝo. (Tel.: 320.86.)

**Vicprezidanto:** S-ro Maurice Jaumotte, 44, Avenuo De Bruyn, Wilryck (Antverpeno). (Tel.: 777.58.)

**Sekretarioj:** S-ro Ch. Poupeye, 42, Elf Julistraat, Bruĝo.
S-ro R. Dechesne, 38, Rue de la Meuse, Sclessin.
S-ro Swinne, 77, Rue Nieuwenhove, Uccle.

**Kasisto:** S-ro André Tassin, 1, rue St Joseph, La Louvière.

**Por pagoj de kotizoj, anoncoj, abonoj kaj donacoj:**
P.Ĉ.K. 1337.67 de Belga Ligo Esperantista (La Louvière).

**Por pagoj al I. E. L.:**
grupanoj al la P.Ĉ.K. de sia grupo ;
izoluloj al la P.Ĉ.K. de Belga Ligo.
Por ĉiuj aliaj rilatoj pri I.E.L. sin turni al : S-ro G. Van den Bossche, teritoria sekretario. Rembrandtstr., 7, Antverpeno.

**Por pagoj al Belga Esperanto-Instituto:**
P.Ĉ.K. 1689.58, Antverpeno (Lange Leemstraat, 127).

Presejo de BELGA ESPERANTO-INSTITUTO, Koopera Soc., Lange Leemstraat, 127, ANTVERPENO.